# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

https://translate.google.com/

**PLENUMITA 27/10/2016 Ducentnaŭdektria eldono 27/10/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**





**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**




**SENDATA AL 305.** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Ekstudis pli ol **576,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Tiuj kompatindaj eŭropanoj .



La kaŭzo ke eŭroplingvanoj trovas malfacila, uzi senerare la Zamenhof'an pasivan voĉon, estas ne nur, ke en iliaj lingvoj la pasiva voĉo konsistas el du vortoj, du verboj, sed ankaŭ ke iliaj lingvoj havas nur unu participon por la tri tempoj, la t.n. participon pasintan. Konsekvence ilia sola participo pasiva havas en la Aktiva Voĉo preteritan signifon, pasintecan signifon, ekz. *I have eaten one hour ago*, dum la sama participo en la Pasiva voĉo ne indikas tempon, sed nur la pasivan agon, ekz. La ostroj *will be eaten alive*, La ostroj manĝatos vivantaj, kie la verbo *"will"* indikas la tempon, kaj la verbo *"be"* indikas la pasivecon, kaj la preterita participo *"eaten"* indikas nur la agon. Estas do iom komprenebla, ke la eŭropanoj trovas tre malfacila kompreni la Zamenhof'an sistemon, en kiu la adjektiva participo indikas la agon kaj la tempon de la ago kaj la helpverbo "esti" indikas alian tempon, la tempon el de kiu ni observas la agon. Do la eŭropanoj regule faras erarojn, kiam ili uzas la pasivan voĉon. Sed pli malfacila por ili estas la logika moderna pasiva voĉo en kiu esprimatas en unu vorto, en unu verbo, la pasiveco per la sufikso "-ati" kaj la tempo per la finaĵo -as aŭ -is aŭ -os, dum la tempo de la observo indikatas per adverbo, ĝenerale antaŭe aŭ poste aŭ jam aŭ ankoraŭ ne, kiel ekz. en "La ostroj ankoraŭ ne manĝatas, ĉar ili unue lavatu".

Notu ke en tiu moderna efektive verba pasiva voĉo, aĝanta proksimume dudek jarojn, la sufikso "-ati" perdis siajn signifojn de tempo, prezenco, kaj de nefiniteco, kaj retenis nur la signifon de pasiveco, kaj ke tial la tempo de la pasiva ago "manĝati" esprimatas per la finaĵo "-as (aŭ alifraze -is kaj –os kaj –us kaj –u kaj –i) kiu indikas la tutan agon "manĝi" de komenco ĝis fino, kaj ke la adverboj "ankoraŭ ne" indikas la tempon de la observo, kiu ĉi tie estas la futuro, ĉar la manĝado ankoraŭ ne okazis en la pasinteco nek okazas en la nuno.

Notu ankaŭ, ke en la aktiva voĉo en kelkaj eŭropaj lingvoj la prezenca participo indikas la nefinitecon de la ago, same kiel en Esperanto. Ekz. *The child was sleeping,* la infano estis

dormanta, kie aliaj lingvoj preferas nerektan subjektan predikativan esprimon, kiel en la nederlanda *Het kind was aan het slapen* (la infano estis en la dormado). La angla en ĉi tiu kazo uzegas la prezencan participon, tiel ke ofte ĝi ne esprimas nefinitecon sed kompletan agon, ekz. *I shall be having my breakfast from seven till eight* (mi matenmanĝos el la sepa ĝis la oka), do kompleta ago. Estas rekomendinda, tre malofte uzi ĉi tiun prezencan participon en Esperanto, do ne "Mi estos matenmanĝanta el la sepa ĝis la oka, escepte se la manĝado interrompatas de alia ago.

Notu fine, ke pluraj eŭropaj lingvoj, sen iu bezono do kaprice, disvolvis novan aktivan preteriton, el la objekta predikativo de tiuj lingvoj, uzante la preteritan pasivan participon. Tio pli komplikigas la aferon por la eŭropanoj, ĉar ili ofte kaj malĝuste tendencas fari la samon en Esperanto. Ekz. *J'ai mange' de bonne heure ce matin* = Mi manĝis frue hodiaŭmatene, kie ili malĝuste uzas "Mi estas manĝinta frue", aŭ, pli malĝuste, Mi estis manĝanta. Ne estas stranga, ke en publika kunveno la granda gramatikisto Kalocsay senespere elkriis, ke la participa sistemo de Zamenhof estas genia, sed ke la pasiva voĉo estas senorda senlogika nesolvebla mikspoto. Ĉar ja en tiu tempo mi ankoraŭ ne estis solvinta la problemon, kiun mi cetere kapablis solvi nur 'car mi malkovris la Zamenhof'an sed de li ne formulitan Regulon pri Signiforedukto. Ĉiukaze angloparolantoj devas en Esperanto alkutimiĝi al redukti aŭ neuzadi siajn kombinaĵojn de "havi" aŭ "esti" kun aktiva aŭ pasiva participo adjektiva.

Marcel Leereveld.

# Mil kaj unu esperantistoj dum mil kaj unu tagoj....

....estas bezonataj por traduki al Esperanto la libron Mil kaj unu noktoj. Temas pri giganta laboro. Ĉu australia esperantisto konanta la anglan kaj Esperanton povus helpi per tradukado aŭ per reviziado?
La ĝisnunan tekston vi trovas en http://uea.org/vikio/Mil_kaj_unu_noktoj
Se jes, bonvolu kontakti renato.corsetti@gmail.com .



----------------------------
Kompense, por tiel diri, vi rajtus aperigi la unuan enkondukan peceton.
Amike
Renato Corsetti



--------------------

***Mil kaj unu noktoj*** **(1001 noktoj)** Sube vidu la unuan enkondukan peceton

*Inter la rakontoj de antaŭaj popoloj estas rakonto pri tio, ke en antaŭaj tempoj en la insuloj de Hindujo kaj Ĉinujo estis sasana (1) reĝo, mastro de armeoj, gardistoj, servistoj kaj dungitoj, kiu havis du filojn unu pli aĝan kaj unu pli junan. Kvankam ambaŭ estis lertegaj rajdantoj la plej aĝa estis pli lerta ol sia frato. Li regis la landojn kaj traktis siajn subulojn juste kaj ĝuis la bonan volon de ili ĉiuj. Lia nomo estis Reĝo (2) Ŝahrijar, dum lia juna frato, kiu regis la persan Samarkandon, estis nomata Reĝo Zaman. Dum 10 jaroj ili ambaŭ regadis juste kaj ĝuis plaĉan kaj senproblemajn vivojn, ĝis kiam Reĝo Ŝarijar sentis deziron vidi Reĝon Zaman kaj sendis sian veziron (3) por venigi lin. "Aŭdo estas obeo" diris la ministro kaj, save vojaĝinte al Reĝo Zaman, li portis al li la salutojn kaj diris al li, ke lia frato atendis viziton de li.*

*La reĝo Zaman konsentis iri kaj ekfaris siajn preparojn por la vojaĝo. Li igis munti siajn tendojn ekster sia urbo kune kun siaj kameloj, muloj, servistoj kaj gardistoj, dum lia propra veziro estis lasita kiel reganto de la landoj. Poste li mem eliris el la urbo por iri al la lando de sia frato, sed je noktomezo li pensis pri io, kion li forgesis, kaj li reiris al la palaco. Kiam li eniris sian ĉambron, li malkovris sian edzinon en la lito kun nigra sklavo. La mondo iĝis nigra por li, kaj li diris al si mem: "Se ĉi tio estas tio, kio okazas eĉ antaŭ ol mi forlasis la urbon, kion ĉi tiu damninda virino faros, se mi pasigos tempon fore ĉe mia frato?" Kaj tiel li eltiris sian glavon kaj frapis ilin, mortigante ambaŭ sian edzinon kaj ŝian amanton, kiuj kuŝis kune, antaŭ ol reiri kaj ordoni al siaj akompanantoj ekiri.*

*Kiam li alproksimiĝis al la urbo de Reĝo Ŝahrijar, li antaŭsendis mesaĝistojn por doni la bonan novaĵon pri lia alveno kaj Ŝahrijar elvenis por renkonti lin kaj salutis lin tre ĝue. La urbo estis ornamita per dekoraĵoj kaj Ŝahrijar sidadis feliĉe parolante kun li, sed la Reĝo Zaman memoris tion, kion la edzino faris kaj, venkita de malĝojo, iĝis pala kaj donis signojn de malsano. Lia frato pensis, ke tio ŝuldiĝas al la fakto, ke li devis lasi sian regnon, kaj li ne faris demandojn al li ĝis post kelkaj tagoj, kiam li menciis tiujn simptomojn al Reĝo Zaman, kiu diris: "Miaj sentoj estas vunditaj." sed li ne klarigis tion, kio okazis pri lia edzino. Por refeliĉigi lin Ŝahrijar invitis lin akompani lin dum ĉasado., sed li rifuzis kaj Ŝahrijar ekiris sole.*

*En la reĝa palaco estis fenestroj, kiuj superigardis al la ĝardenoj de Ŝahrijar, kaj dum la reĝo Zaman estis rigardanta malfermiĝis pordo kaj jen eliris dudek sklavinoj kaj dudek sklavoj kaj en la mezo de ili estis la tre bela edzino de Ŝahrijar. Ili paŝis al iu fontano, kie ili deprenis siajn vestojn kaj la virinoj sidis kun la viroj. "Mashud" la reĝino vokis, je kio nigra sklavo venis al ŝi. Kaj ĉirkaŭbrakuminte unu la alian, ili kuŝis kune, dum la sklavoj kuŝis kun la sklavinoj kaj ili pasigis sian tempon per kisado, ĉirkaŭbrakado, fikado kaj trinkado de vino ĝis la fino de la tago.*

*Kiam la reĝo Zaman vidis tion, li diris al si mem, ke tio, kion li suferis, estis malpli grava. Lia angoro pro ĵaluzo finiĝis, kaj, konvinkinte sin, ke lia propra malbonŝanco estas pli malgrava ol ĉi tiu, li plu manĝis kaj trinkis, tiel ke, kiam Ŝahrijar revenis kaj la du fratoj intersalutis, Ŝahrijar vidis ke la koloroj de la reĝo Zaman revenis, ke lia vizaĝo estas rozkolora kaj ke post la antaŭa perdo de apetito li manĝas normale. "Vi estis pala, frato" diris Shahrijar, " sed nun vi rehavis viajn kolorojn. Do, rakontu al mi pri tio." Mi rakontos al vi, kial mi perdis mian koloron" la frato respondis "sed ne premu min rakonti, kial mi rehavis ĝin." "Diru al mi unue kiel vi perdis vian koloron kaj kiel vi fariĝis tiel malforta." Shahrijar demandis, kaj lia frato klarigis. Kiam vi sendis vian veziron por inviti min viziti vin, mi pretiĝis kaj jam iris ekster la urbon, kiam mi memoris pri juvelo, kiun mi intencis donaci al vi, kaj kiun mi estis forgesinta en la palaco< Mi reiris tien kaj trovis nigran sklavon, kiu dormis en mia lito kun mia edzino. Mortiginte ilin ambaŭ, mi ekvenis al vi. Mi estis plene koncernita pri tiu afero, kaj pro tio mi iĝis pala kaj malsaneca, sed ne petu min diri, kiel mi resaniĝis. Ŝahrijar, tamen, premis lin fari tion, kaj en la fino Ŝah Zaman rakontis al li ĉion, kion li estis vidinta.*

*"Mi volas vidi tion per miaj okuloj" diris Ŝahrijar. Tiam Ŝah Zaman sugestis, ke li ŝajnigu, ke li volas iri ĉasi ree, kaj ke poste li kaŝu sin kun li por testi la veron per siaj propraj okuloj.' Ŝahrijar tuj anoncis, ke li foriras por ĉasado. La tendoj estis metataj ekster la urbon kaj la reĝo mem foriris kaj ekprenis sian sidejon en unu el ili. Li diris al siaj servistoj, ke neniu devas esti enlasita por viziti lin. Poste sekrete li reiris malantaŭen al la palaco, kie lia frato estis kaj li sidiĝis ĉe la fenestro, kiu permesis rigardi la ĝardenon. Post iom da tempo la sklavinoj kaj ilia mastrino alvenis tien kun la sklavoj kaj ili ade faris tion, kion Ŝah Zaman estis priskrtibinta ĝis la voko por la posttagmeza preĝo.*

*Ŝahrijar estis ekster si mem pro kolero kaj diris al sia frato: "Venu, ni foriru tuj. Ĝis ni trovos iun alian, al kiu la samaj tiaj aferoj okazas, ni ne bezonas regnon, kaj aliflanke ni prefere estus mortintaj."*

----------------------------------------

**(1)** Sasana, aŭ sasanida aŭ sasanana – laŭ eŭropaj lingvoj – estas vasta imperio persa ekzistinta de la jaro 224-a al la jaro 651-a de la komuna erao. Ĝi estis konata al la tiamaj homoj kiel Ērānshahr kaj Ērān en la meza persa kaj kiel Iranshahr kaj Iran en la nova persa.

**(2)** La titolo uzata tra la tuta persa regiono estas *Ŝah*, kiu estas tradukebla per 'reĝo' aŭ per 'imperiestro' (reĝo de reĝoj).

**(3)** Temas fakte pri "veziro", kiu en pluraj lokoj de la islama mondo en pluraj epokoj estis helpanto de la reĝo kiel ministro aŭ ĉefministro.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# La Melburna Esperanto-Klubo kunvenas

ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm



ĉe Ross House, 247 Flinders Lane.

"Je Lundo la 17a de Oktobro ni bonvenigis novan lernanton el Ĉinujo. Krom tio ni diskutis la biciklan ekskurson al Warandyte kio okazos la 22an kaj 23an de Oktobro. Ni ankaŭ planas la Zamenhofan vesperon kiu okazos la 17an de Decembro en la Peace Memorial Uniting Church en East Melbourne. Pli da informoj aperos baldaŭ."



Heather Heldzingen

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Kara Roger,

Mi ĉiam dankas al vi por la sendado de la novaĝletero!

Mi kundividos ĝin kun japanaj Esperantistoj.

Amike, Ikuko KITAGAWA



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Karaj,

Jen kiel la nova generacio de Esperantistoj sukcesos disvastigi Esperanton.

http://www.liberafolio.org/2016/amikumi-helpos-trovi-proksimajn-esperantistojn#1476878561412709

Amike, Nicole Else



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

libera folio
SENDEPENDA MOVADA BULTENO

## Amikumi helpos trovi proksimajn esperantistojn

de Redakcio — Laste modifita: 2016-10-18 10:40

Chuck Smith kaj Richard Delamore lanĉis monkolekton por krei novan telefonan aplikaĵon, kiu helpos esperantistojn trovi unu la alian kiam ili troviĝas proksime kaj volas esti trovitaj. En intervjuo de Antonio Codazzi ili rakontas, kial laŭ ili la afero meritas la penon kaj la monon. *Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Pri la detruado de arbaro kaj domaroj



Marcel verkis ege gravan artikolon por AE292 pri la detruado de arbaro kaj domaroj.

Antaŭ 2-3 jaroj, saĝe aŭ ne mi vendis mian malnovan domon kie mi loĝis dum eble 40 jaroj. Utila sed malnova, konstruita eble post la unua mondmilito, ĝi estis hejmo por 5-persona familio kiu finfine estis enloĝita per unu sola virino.

Post la morto de mia edzo ĝi iĝis loĝloko por studentoj el la apude altnivela lernejo kiuj bezonis lokon pli proksimaj de siaj kolegioj. Veninte plejparte de sud-okcidenta Azio kun familioj ofte en la sud-okcidentaj antaŭurboj, Ili ĉiun tagon povis atingi en nur 30 minutoj la studejojn, anstataŭ eble 2 horoj.



Originala Domo

Sed fine venis problemoj pri la domo, kaj mia aĝo, do mi vendis la lokon. Dum la aŭkcio iĝis klara ke iu virino volis aĉeti ĝin, kaj mi nun loĝas en loko kun 30 aliaj maljunuloj.

Tiu nova aĉetinto surprizis min kiam mi vidis tion kion ŝi faris. Preskaŭ la tuta grundo iĝis malplena de brikoj, arbustoj, arbetoj, kaj nun staras tie konstruaĵo kun 6x2 dormĉambroj, ne por familio de la aĉetinto, sed tuj vendota per aŭkcio.



Nova Konstruaĵo

Mi atendas vidi la eventon. Najbaroj diris ke la konstruperiodo estis ĥaosa periodo por tiuj, kiuj alfrontis problemojn pro trafiko ktp Eble alia raporto venos post la aŭkcio.

Mi dubos ĉu mi rajtos komenti plu aŭ sendi biletojn.

Privateco malpermesos!

Margaret Chaldecott

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Responde al la artikolo de Marcel.



Konsternas min, ke oni malkonstruas (vere detruas) domojn kaj foje grandajn konstruaĵojn, kiuj ŝajnas tute en ordo kaj loĝeblaj. Antaŭ jaroj biciklante en Brisbanon mi rimarkis ke oni malkonstruis grandan butikaron. Kiam mi enketis al lokano pri tio li respondis, ke tiu konstruaĵo estas jam 25 jaraĝa kaj tial eksmoda. Tio mirigis min.

Pasintan monaton mi vojaĝis al Sidnejo per trajno kaj mi rimarkis en la norda parto ke oni detruas sufiĉe bonajn domojn kaj en ties lokoj konstruas kelketaĝajn apartmentojn. Jen problemo. Kiam loĝlokoj mankas en urbo kie homnombro kreskas kion fari? Ĉu simple forhaki pli da arboj kaj malaperigi naturajn lokojn aŭ anstataŭigi kelkloĝantajn domojn per multloĝantajn konstruaĵojn?



Dum jardekoj la limo de domoj en la urbo Sidnejo dissterniĝis al la montoj okcidente, fore sud-okcidente. La revo (kuraĝigita de la komercaj terpecvendantoj) estas ke ĉiu familio posedu domon sur kvaron-akro da terpeco. Envenis nova ondo de migrantoj el Aziaj landoj kiuj kutimis loĝi en apartmentoj. Ili preferas loĝi apud fervojoj kaj uzi tian transporton al la laborloko.

Do eble, en ĉi tiu kazo, la detruo de domoj por konstrui pli da apartamentoj estas bona afero ĉar tio konservas la rapide malaperantan arbaron ĉirkaŭ Sidnejo.



Terry Manley



# MALJUNAJ AMIKOJ



Jen omaĝo al la amo de Bob Felby por liaj ne-homaj amikoj. Mi tradukis ĉi tiun poemon (la aŭtoron mi ne plu memoras) antaŭ 22 jaroj, kaj hodiaŭ trovis kopion dum mia (serioza) purigado de skatoloj plenplenaj je malnovaj paperaĵoj.

## MALJUNAJ AMIKOJ

1/Ni paŝas la stratojn konatajn
La kvarpiedul' kaj mi,
Per paŝoj malhastaj.
(pro vivspertoj vastaj)
Studas la preterpasantojn ni

➔

2/ Envias junulojn kurantajn
La rigidpiedul' kaj mi,
Amfrapete mi diras
"Ne plu ĝi nin tiras,
La trotadon nur spektu nun ni".



3/Ni snufas parfumon de l'florojn
Naztrem-felul' kaj mi,
Rostbifstek' en aero,
Lignofum' en harero,
Kaj aŭto-haladz' ĉie ĉi.

➔

4/ Bone konas ni la pavimojn,
Dolorplena kunul' kaj mi,
Jen kruda - lantpaŝe...
Kaj glita - timkaŝe...
Halt'! Preterpasu hastuloj nin.



5/Najbarajn sekretojn ni lernas
Vostosving-snuful' kaj mi,



Ĉu kun amikoj aŭ sen?
Ĉu per amuzo aŭ ĝen?
Ĉu iu interesiĝas pri ni?

6/Ni zorgas la promen-distancon
L'anhel-harnazul' kaj mi
Niaj paŝoj pli lantas
La fino nin hantas
Ĉu baldaŭ al iu mankos ni?



7/Ni fermas la pordon de l'domo
La knara kunulo kaj mi,
Apud fajro kontente sidante,
En ĝi duondorme vidante
Vivmemorojn scintilajn al ni.





Amike Vera Payne

# Franca noktkluba prezentado



Svingbaraj spertuloj.
Ne maltrafu vidi ĉi tiun.
Tiu paro estas nekredebla!
Ankaŭ turnu supren la muzikon!

Ne bezonas lingvon

Klaku **Night Club Act** miriga spektado.



Sendis Henriette Vanechop

# Biciklado al Warbuton



Petro, Joanne, Tristan kaj Petro pretas eki la bicikladon

La semajnfinon de la 22a/23a de Oktobro kvin esperantistoj de Melburno biciklis de Lylidale ĝis Warburton , 40 kilometrojn longa vojo, ne tre kruta, krom je la komenco, ĉar antaŭe tie rulis trajno. Malgraŭ la forta pluvo kaj vento, ni atingis la celon. La avantaĝo estis ke ni renkontis neniun piediranton kaj malmulte da biciklantoj. La vojo apartenis al ni. Dum la nokto en Warbuton ni dormis laŭ la ritmo de la tiea torenteca rivero, Yarra. Bonŝance la retroiro okazis sub suno. Tio estis oportuno ekzerci la cerbon kaj la muskolojn Informis Franciska Toubale

**Pri 3ZZZ** Venontjare okazos sinsekve la Universala Kongreso kaj la SATkongreso en Seulo. En la elsendo de la 24a de Oktobro Ho Song, membro de la loka organiza komitato prezentas la SATkongreson kaj aspektojn de la vivo en Koreujo.
Agrablan aŭskultadon Franciska Toubale